27 OKTOBRO 1907. Unu Numero : 10 CENTIMOJ (4 Spesdekoj) TRIA JARO. — Nº 13

# ★ ESPERANTO ★

DUONMONATA INTERNACIA GAZETO

ABONO

Unu Jaro . . . . Sm. 1.20 | Helpabono . . . . Sm. 4.—

1 Spesmilo (Sm.) = 100 Spesdekoj (Sd.) = 2,50 frankoj = 2 ŝilingoj = 2 markoj = ½ dolaro = 1 rublo = 2,40 kronoj austr = 1,80 kronoj Skand (proksimume).

Oni abonas ĉe la Administracio
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève (Svisujo)
aŭ ĉe la lokaj agentoj

DIREKTORO :
HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)

Bulgara Eldono : N. D. Kovaĉef, Sofio



## DELEGITARO POR LA ALPRENO de LINGVO INTERNACIA

La nuna momento estas grava por Esperanto kaj nia tuta movado. En ĉi tiu tempo, kunvenas en Parizo la komitato elektita de la Delegitaro por la alpreno de Lingvo internacia ; ĝia decido, kia ajn ĝi estos, havos influon sur la estontan disvastiĝon de la ideo pri helpa lingvo. Tial ni opinias, ke la momento taŭgas por resumi la ĝisnunan historion de la Delegitaro, ĝian celon kaj signifon.

La ideo pri la Delegitaro estis naskita en la jaro 1900, dum la universala ekspozicio en Pariko. Laŭ la iniciato de S-roj D-roj Couturat kaj Leau, diversaj internaciaj kongresoj kaj sciencaj societoj, favore konsiderinte la ideon pri lingvo internacia, elektis delegitojn, kiuj, la 17an de Januaro 1901, akceptis la jenan deklaracion, kiu klare montras la celon kaj agadon de la Delegitaro por alpreno de lingvo internacia :

« La subskribintoj, delegitaj de diversaj kongresoj aŭ Societoj por studi la problemon de helpa lingvo internacia, interkonsentis pri la punktoj sekvantaj :

1e Estas dezirinde, elekti kaj disvastigi unu helpan lingvon internacian, kiu, neniel anstataŭonte la naciajn idiomojn, en la vivado de ĉiu popolo servos por la skribaj kaj parolaj rilatoj inter diverslingvanoj.

2e Helpa lingvo internacia, por plenumi sian celon, devas konformiĝi al la kondiĉoj sekvantaj :

1a kondiĉo. — Esti kapabla servi al la ordinaraj rilatoj de la socia vivado, al la komercaj interŝanĝoj kaj al la sciencaj kaj filozofiaj rilatoj.

2a kondiĉo. — Esti facile lernebla de ĉiu persono de meza elementa instruiteco kaj speciale de ĉiuj homoj de Eŭropa civilizacio.

3a kondiĉo. — Ne esti unu el la naciaj lingvoj.

3e Estas taŭge, organizi ĝeneralan Delegitaron, kiu reprezentos ĉiujn personojn, kiuj konsentas pri la neceseco kaj ebleco de helpa lingvo kaj estas interesataj pri ĝia uzo. Tiu Delegitaro elektos komitaton, kiu povos kunsidi dum certa tempo.

4e La elekto de la helpa lingvo apartenas unue al la Internacia Asocio de la Akademioj, aŭ, en okazo de malsukceso, al la komitato priskribita en 3e.

5e Konsekvence, la komitato devos unue prezenti, laŭ la regulaj formoj, al la Internacia Asocio de la Akademioj, la dezirojn esprimitajn de la societoj kaj aliĝintaj kongresoj, kaj peti, ke ĝi realigu la projekton pri helpa lingvo.

6e La komitato kreos propagandan societon por disvastigi la uzadon de la helpa lingvo elektita.

9e La subskribintoj, nun delegitaj de la diversaj kongresoj kaj societoj, decidas klopodadi ĉe ĉiuj sciencaj, komercistaj kaj turistaj societoj, por ke ili aliĝu al ĉi tiu projekto.

8e Povos aliĝi al la Delegitaro la reprezentantoj de la regule organizitaj societoj kiuj aliĝis al tiu Deklaracio.

Kiel oni vidas, la Delegitaro konsistas el ĉiuj societoj, kiuj deziras la enkondukon de internacia lingvo, sed pri la formo de tiu lingvo atendas la decidon de la Asocio de la Akademioj aŭ se ne de la kompetenta komitato elektita de la delegitoj mem. Tiu Deklaracio starigis firman planon de agado kaj formulis la praktikajn kondiĉojn, kiujn devas plenumi la estonta helpa lingvo. De 1900 ĝis 1907, post senbrua, sed tamen senlaca agado, la iniciatintoj de la Delegitaro kolektis aliĝojn de 307 diverslandaj societoj, kies multaj estas tre gravaj, kiel ekzemple la Turing-Kluboj de Belgujo, Francujo, Bohemujo, Svedujo, Svisujo, la Instituto internacia de Biografio, la Instituto de la Paco, la kongresoj de Filozofio, de Sociologio, de la Paco, la Franca Societo de Fiziko, Scienca Societo de Bruselo, la Itala Societo Zoologia, la Royal Philosophical Society de Glascow, multaj komercaj ĉambroj, sciencaj asocioj, geografiaj societoj, k. t. p. Plie, la Delegitaro kolektis 1348 subskribojn de Akademianoj aŭ Universitataj profesoroj, kiuj bonvolis aprobi la supre represitan deklaracion. En 1907 komenciĝis la klopodoj por ke la demando estu metata sur la tagordon de la kunveno de l'Internacia Asocio de l'Akademioj.

Tiuj klopodoj ne tute sukcesis ; la 30an de Majo, la Internacia Asocio de la Akademioj, decidis ne akcepti tiun temon sur sian tagordon. Sed tiu decido ne signifas, ke la dirita Asocio malaprobas la ideon pri lingvo internacia, kiel erare kredigis multaj gazetoj ; ĝi simple signifas, ke ĝi konsideris, ke tia temo ne apartenas al ĝia kompetenteco. Kontraŭe, la Wiena akademio, prezentante la demandon al la Asocio de l'Akademioj, konsideris « ke oni trovos la solvon de L. I. per la vojo eksperimenta ĝis nun sekvita. t. e. pli per raciaj provoj alfaritaj al la reala bezono, ol per teoria ekzameno ». Per tio ĉi, la Wiena akademio konsentas pri la utileco de helpa lingvo kaj la ebleco de praktika solvo. Entute, la decido de la Akademioj signifas, ke la interesatoj mem devis elekti la taŭgan solvon, kaj por tio ĉi estis fondita la Delegitaro, kiu, laŭ la Deklaracio, devas mem elekti kompetentan komitaton, se la Akademioj konsideras, ke ili ne estas kompetentaj por elekti inter la diversaj projektoj de lingvo internacia. Sekve de tio, la Delegitaro elektis dekkvarpersonan komitaton, kiu konsistas el diverslandaj eminentaj scienculoj, nome S-ro W. Förster, ano de la Berlina akademio, prezidanto de la internacia komitato de la Pezilo] kaj Mezuriloj ; S-ro Prof. W. Ostwald, ano de la Akademioj de Amsterdam, Berlin, Budapest, Boston, St-Peterburg kaj Wien (*Germanujo*) ; S-ro H. Schuchardt, ano de la Akademio de Wien (*Aŭstrujo*) ; S-ro L. Le Paige, direktoro de la Scienca klaso de l'reĝa Akademio (*Belgujo*) ; S-ro O. Jespersen, ano de la reĝa Akademio de l'sciencoj (*Danujo*) ; S-ro G. Harvey, eldonisto de la « Harpers Weekly » (*Unuigitaj Statoj*) ; S-ro E. Boirac, rektoro de la Dijona Universitato ; S-ro Ch. Bouchard, ano de la Akademioj de Sciencoj kaj de Medicino (*Francujo*) ; S-ro Lambros eksrektoro de la Universitato de Athènes (*Grekujo*) ; S-ro Eötvös, ano de la Akademio de l'sciencoj, prezidanto de la Matematika kaj Fizika Societo (*Hungarujo*) ; S-ro C. Barrios, fakultatestro de la Medicina Fakultato, prezidanto de la Perua Senato (*Peruo*) ; S-ro Baudoin de Courtenay, profesoro ĉe la Peterburga Universitato, ano de la Akademio de Krakovio (*Rusujo*) ; S-ro Peano, profesoro ĉe la Torina universitato (*Italujo*) ; S-ro W. Stead, direktoro de « Rewiew of Rewiews » (*Britujo*). La anoj povas sin anstataŭigi de alia persono kaj kelkaj uzis tiun rajton. La sekretarioj estas S-roj L. Leau kaj L. Couturat, el Parizo.

La dirita komitato komencis kunveni en Parizo la 15an de oktobro ; ĝia definitiva decido estos baldaŭ konigata al la publiko. Laŭ la ĝenerala nuna impreso, la komitato principe akceptas Esperanton, sed proponante diversajn aldonojn kaj korektojn en la lingvo.

Ni detenas nin de ĉia nuna komentario, ĝis la momento kiam la oficiala decido de la komitato estos publikigata kaj ĝia sintenado rilate al Esperanto precize konata.

H. H.

## TRA LA MONDO

### Belgujo

Bruselo, Oktobro 1907.

En mia lasta letero, mi parolis pri la lingva demando en Belgujo, sed alia tre grava afero nun okupas la publikan opinion kaj la Parlamentanojn, nome la afero de Kongolando. Kiel oni scias, Kongolando estis ĝis nun regita de la reĝo de Belgujo. Konforme al la akto de Berlino, kiu stariĝis tiun provizoran regadon, oni nun devas definitive decidi pri la sorto de Kongolando. Laŭ la projekto nun diskutata, la reĝo de Belgujo transcedas al Belgujo la administradon kaj regadon de la dirita lando, kontraŭ monaj kompensoj. Sed tiu projekto, prezentita de la Belga regnestraro al ĝia Parlamento, kiu resendis ĝin al speciala komisiitaro da dek-sep anoj, ne ŝajnas esti akceptota sen gravaj ŝanĝoj, tiel ke la definitiva konsento inter la reĝo kaj la regno estos malfacile atingebla. Kvankam li transcedas Kongolandon al siaj regatoj, Leopoldo IIa deziras, ke la Parlamento kiel eble plej malmulte enmiksiĝu en la Kongolandaj aferoj. Tamen, oni devas konfesi, ke se la rezultatoj materiaj de la ĝisnuna administrado estas kontentigaj, la moralaj rezultatoj estas tute ne bonaj. Tial, pli senpera kontrolado de la Parlamento estus necesa. La Belgoj ne povas akcepti, ke faktoj similaj al tiuj, kiujn oni, kelkafoje malprave, aliafoje prave, riproĉis al la reĝa administrado okazu denove, kiam Kongolando estos Belga kolonio. Tial, estas verŝajne, ke oni enkondukos kelkajn ŝanĝojn en la oficialan projekton. La budĝeto de la estonta kolonio ankaŭ elvokas viglajn diskutojn. La ministraro klopodas por ke tiu ĉi budĝeto ne estu afero de la Parlamento, sed, ĉar en okazo de deficito — io tre verŝajna — la Belga regno devos malaperigi tiun deficiton, estas logike, ke la Parlamento kontrolu ne nur la elspezitajn, sed ankaŭ la projektatajn budĝetojn. Pri tio ĉi tute ne konsentas la ministraro, kiu volas, ke la administrado Kongolanda restu memstara kaj ke la Parlamento havu nur teorian kontrolon. Kiel oni vidas, la situacio ne estas klara kaj oni timas, ke la disputoj, kiujn naskas tiu projekto, estas nur en la komenco.

La 20an de Oktobro okazos la parta balotado de l'komunumaj konsilantaroj. Ordinare, la lokaj aferoj estas la ĉefa kaŭzo de la interpartiaj bataloj, sed, tiun ĉi jaron, tiuj balotoj prezentas politikan gravecon. La maldekstrumaj partioj intencas uzi la okazon por manifesti kontraŭ la katolika partio, kiu estras jam de dudek-tri jaroj. La leĝo, laŭ kiu estas elektataj la komunumaj konsilantaroj estas tre malsimpla. La balotrajton posedas ĉiu regnano pli ol tridekjara kaj loĝanta de tri jaroj en la komunumo. La familiestroj pli ol tridekvinjaraj kaj pagantaj imposton da 2 ĝis 6 Sm., kaj la domposedantoj de minimuma rento da 60 Sm. havas du voĉojn anstataŭ unu. Fine, la personoj, kiuj ricevis universitatan diplomon aŭ okupas iajn oficialajn postenojn, havas du pliajn voĉojn ; per tia sistemo, unu regnano rajtas ĝis kvar voĉoj. La sistemo de la reprezentado laŭproporcia de l'partioj estas aplikata nur en la okazo, se neniu listo de kandidatoj ricevis la absolutan plimulton. El tio ĉi sekvas ĝenerale, ke en la urboj, kie la tri ĉefaj partioj, nome katolika, liberala, socialista, estas proksimume egalaj, la sistemo de la laŭproporcia reprezentado estas aplikita ; en la urbetoj, kie la katolika partio estas la plej influa, ĝiaj anoj estas elektitaj per la absoluta plimulto kaj la aliaj partioj ne havas reprezentantojn en la komunumaj konsilantaroj. La almilito de la plimulto en tiuj konsilantaroj estas ĉefe grava pro la lernejaj demandoj. La liberalaj administrantoj penas pligravigi la neŭtrajn publikajn lernejojn. En la okazo, se la opoziciaj partioj sukcesus venki, ili povus kontraŭstari la registaron kaj fari al ĝi multajn barojn. Por tio ĉi, en la plej multaj lokoj, la liberaloj, radikaloj kaj socialistoj prezentas unu solan liston « antiklerikan » kontraŭ listo katolika. Tamen multaj moderaj liberaloj konsideras, ke la kunligo kun la socialistoj estas nur afero de taktiko, sed neniel signifas, ke la programoj de ambaŭ partioj kunfandiĝas en unu. En aliaj lokoj, liberaloj kaj socialistoj batalas aparte, ĉefe en la industriaj regionoj, kie ekzistas granda malkonsento inter salajrantoj kaj salajratoj. Pro ĉiuj tiuj ĉi kaŭzoj, la rezultatoj de la balota batalo estas tre malfacile antaŭvideblaj.

Dum longa tempo, okazis grava skriko de la doklaboristoj en Antverpeno. Bedaŭrindaj tumultoj kaj malfeliĉoj okazis sekve de tio kaj kaŭzis grandajn malgajnojn por la aferistaro de la haveno. La striko nun estas finita, sed agitado ankoraŭ regadas ĉe la havenlaboristoj kaj ne ŝajnas proksima al la fino.

R. B.

Tiu letero estis jam skribita, kiam ni eksciis la rezultatojn de la supre aludita balotado. La antiklerika kunligo venkas en la industriaj lokoj (aparte en Antverpeno), sed en la aliaj, la plimulto restas al la katolikoj. Malgraŭ kelkaj malsukcesoj, la ĝenerala rezultato estas favora al la registaro.

### Granda Britujo

Londono, Oktobro 1907.

La afero de la fervojoj, pri kiu mi aludis en lasta artikolo, nun estas eniranta pli gravan periodon. La 16an de Oktobro, okazis en Londono grandega kunveno de la Britaj fervojistoj ; en tiu ĉi kunveno, estis legita la oficiala respondo de la kompanioj, kiuj, kiel antaŭvidite, ne konsentas senpere interrilati kun la unuiĝo de la oficistaro. Nuntempe, oni nur atendas la rezultaton de la voĉdonado organizita inter ĉiuj fervojistoj. Tiu rezultato estos verŝajne favora al la striko. S-ro Bell, sekretario de la fervojista unuiĝo, deklaris, ke la laboristoj ne turnos sin al la ministro de l'komerco. Aliparte, S-ro Lloyd George, ministro de l'komerco, konigis, ke li nenion povas diri pri la planoj de l'registaro. Li invitis al si la direktorojn de la fervojaj kompanioj por diskuti pri la situacio, sed tiu konferenco neniel estas oficiala. Se la registaro ne intervenas, post deko da tagoj komenciĝos la ĝenerala striko de la Britaj fervojistoj, kaj oni povas esti certa, ke la batalado estos longa kaj senkompata. La Parlamenta grupo de la vasta laboristara asocio *Trades Unions* esprimis siajn bedaŭrojn pri la konduto de l'kompaniaj direktoroj kaj decidis kunveni por helpi al la fervojistoj. La jurnalo *Daily Chronicle* enketis ĉe la diversaj sekcioj de la sindikato de l'fervojistoj. Jen la rezultatoj : 142 sekcioj reprezentantaj 23.645 anojn unuanime voĉdonis por la striko, 64 sekcioj reprezentantaj 9.394 anojn voĉdonis per granda plimulto ankaŭ por la striko ; 37 sekcioj kun 4.502 anoj decidis sekvi la decidon de l'komitato, kia ajn ĝi estos ; fine 6 sekcioj kun 601 anoj ne estas kontraŭ la striko. Aliaj sekcioj ne respondis la demandon kaj aliaj simple deklaris, ke iliaj anoj estas pretaj.

L. H. G.

### Sud-Afriko

Johannesburg, Septembro 1907.

Jam de kelka tempo, konforme al la promesoj de la Angla registaro, Transvaalo havas sian memstaran Parlamenton, kies plimulto konsistas el la reprezentantoj de la Holandrasa loĝantaro. La ministraron prezidas eksgeneralo Botha, kiu antaŭ ne longe, estis tiel entuziasme akceptata en Londono, ĉe la Kolonia Konferenco. Unu el la unuaj faroj de la nova Parlamento estis la donaco de l'diamantego nomata Cullinam al reĝo Edvardo VIIa, kiel signo de lojala sindonemeco. Tiu ĉi propono estis akceptita, sed ne sen kontraŭbatalo. La plej grava argumento kontraŭ tiu do-

naco estis la nuntempa malbona stato de la aferoj. Efektive, la ekonomia situacio ne estas en plena florado. La registaro malpligrandigis je 10 % la salajrojn de la ŝtatoficistoj, ĉiutage okazas novaj bankrotoj kaj multaj personoj klopodas por esti resendataj al sia patrujo, ĉar tie ĉi la serĉado al la riĉeco estas vere tro peniga kaj duba. Do, granda nombro da regnanoj opiniis, ke la momento ne taŭgas por tiu donaco, kvankam ili principe akceptis ĝin. Kelkaj el la voĉdonintoj de la propono sin senkulpigis, dirante, ke tia diamantego neniam estos vendebla kaj sekve estas sen reala valoro !

En Johannesburg, la stato de la aferoj estas pli malbona nun ol ĝuste post la milito, kiam oni antaŭvidis prosperegan estontecon. Tiam, la konstruistoj fervore starigis domegojn kaj hotelojn luksajn, la enmigrantoj arege alvenis, ĉio ŝajnis antaŭmontri plej grandan agemecon. Nun, la homoj serĉas laboron, ne trovas, kaj mizeriĝas. La tro grandaj spekulacioj estas la kaŭzo de tiu nuna malprospero. Al tio oni devas aldoni, ke la plej multaj enmigrantoj estas tro postulemaj. Ili konjektas, ke ili ricevos salajrojn pli altajn ol la salajroj ricevataj en Aŭstralio aŭ Ameriko. Kia disreviĝo post kiam ili vivadis tie ĉi du aŭ tri monatojn ! Plie, eĉ la malriĉaj enmigrantoj ne volas labori ĉe postenoj, kiuj estas ordinare okupataj de la Negroj. La Ĥinoj faris ankaŭ gravan konkurencon al la Eŭropaj laboristoj kaj la plej multaj el ili estas pli riĉaj ol la blankrasuloj. Nuntempe, oni komencas ilin forsendi en ilian patrujon, sed tio ne certe plibonigos la krizon de la laboro. La socialista partio, same kiel en Aŭstralio, havas kiel devizon : ĉio al la blankuloj. Laŭ ili, nur la blankuloj devas labori en la minejoj, fabrikejoj, k. t. p. La ĥinojn oni povas elpeli, sed kio okazos al la Negraj enlanduloj, se tiu projekto efektiviĝus ? Ĉu oni devos ilin ekstermi aŭ mortigi per malsato ? En la lasta tempo, la registaro proponis mem ekspluati minejon laŭ la principo, ke ĉio estos farata de kaj por la blankuloj, sed, malgraŭ ĉio, estas nedubeble, ke ĉie, kie estos Negro, la blankulo dum longa tempo daŭros uzi lin por la malsuperaj laboroj.

R. V. L.

## Tutmonda Kroniko

*30 Septembro, Berlino.* — Internacia kongreso por infaneco.

*1 Oktobro, Parizo.* — S-ro Delobel ricevas la grandan premion de la aervetura konkurso.

*2, Victoria (Meksikujo).* — Mineja akcidento ; multaj pereintoj.

*Kanado.* — La registaro decidas pagi kompenson al la Japanoj pro la okazintaĵoj en Vancouver.

*Springfield (U. S. A.).* — Fervoja akcidento ; 30 mortintoj.

*4, Calcutta.* — Manifestadoj por la aŭtonomio.

*Tokio.* — Mortas la patrino de l'imperiestro.

*Nov-Orleano.* — Proklamo de la generala striko.

*6, Konstanz.* — Plensukcesa eliro de l'aerostato Zeppelin.

*Toulon.* — Surteriĝo de Franca torpedŝipo.

*Londono.* — Mortas Lord Bramton, plej fama Angla advokato.

*Amiens.* — Inaŭguro de monumento al eksministro R. Goblet, kaj grava parolado de S-ro Clemenceau.

*7, Romo.* — La Papo ricevas la Absinenan mision.

*8, Berlino.* — La ministra de l'eksterlandaj aferoj Tschirschy estas anstataŭita de Wilhelmo von Schön. Sanĝoj de kelkaj ambasadoroj.

*8-11, Milano.* — Striko de la gasistoj ; sangaj okazintaĵoj kun la policanoj.

*10, Budapesto.* — Manifestado por la universala balotrajto.

*12-13, Milano.* — Striko ĝenerala.

*13, Nov-Jorko.* — La vaporŝipo « Lusitania » transiras Atlantikon en 4 tagoj 19 horoj kaj 52 minutoj.

*Norda Italujo.* — Provo de ĝenerala striko de la fervojistoj.

*13-14 Barcelono kaj Suda-Francujo.* — Uraganoj kaj superakvoj ; gravaj malgajnoj ; multaj pereintoj.

*15, Romo.* — Mortas kardinalo Steinhuber.

*Terchante (U. S. A.).* — Terura eksplodo de pulvofabrikejo ; multaj mortintoj.

A. TELLINI.

NIA ENKETO

# LA KOSTO DE LA VIVADO[1]

(III)

**Granda Britujo.** — *Loĝado.* — Oni trovas en la urboj malgrandan meblitan ĉambron po 45 ĝis 130 Sm. jare ; en la urbetoj po 40 ĝis 60 Sm. En Britujo, la familioj ĝenerale ne havas apartamentojn. sed dometojn (cottage) kun ĝardeno kaj banejo. Kvarĉambra dometo, en Bristol ekzemple, kostas jare de 125 ĝis 220 Sm. (meza prezo 180 Sm.). En Londono, triĉambra dometo por laboristoj kostas 150 ĝis 250 Sm. En Chester, sesĉambra dometo po 150 ĝis 200 Sm. En la malgrandaj lokoj, la prezoj estas ankoraŭ pli malaltaj. Kiel oni vidas, la loĝado estas pli malkara ol en Francujo kaj, ĝenerale, oni vivas en pli higienaj kaj pli liberaj kondiĉoj.

En la hoteloj, unu dormoĉambro kun lumo kaj matenmanĝo kostas de 1,5 ĝis 2,5 Sm. tage (meza prezo) ; kun la manĝoj, 5 Sm. (unua klaso, minimumo), 3 Sm. (meza prezo).

*Vestaro kaj meblaro.* — La vestaĵoj estas malkaraj. Bona drapa kostumo vira kostas 10 ĝis 20 Sm. ; virina kostumo (jaketo kaj jupo) 20 Sm (minimumo) ; ŝuoj 6 ĝis 10 Sm. ; ĉapelo 3-4 Sm. ; flanelo 50 Sd. po metro ; drapo 1,25 Sm. po metro ; silko 0,80 ĝis 3 Sm. ; kalikoto 25 Sd., proksimume ; ŝtrumpoj kaj ŝtrumpetoj 50 Sd., po paro, k. t. p.

Meblaro por triĉambra dometo kostas 100 ĝis 150 Sm. (minimumo) ; meblaro por manĝoĉambro kaj salono 250 ĝis 400 Sm ; sofo, 2 seĝegoj, 4 seĝoj, kune 40 Sm ; lito plena 20 Sm. La ĝardenaj iloj estas tre malkaraj.

*Instruado.* — La unuagradaj lernejoj publikaj estas senpagaj ; privataj unuagradaj lernejoj kostas de 10 ĝis 30 Sm. jare. La duagradaj lernejoj kostas 30-40 Sm. (publikaj) aŭ 80-100 Sm. (privataj) jare. La universitataj studoj kostas, laŭ la kolegioj de 300 ĝis 600 Sm. jare (loĝado po 12-20 Sm. ĉiusemajne). Kelkaj (malmultaj) lertaj lernantoj povas atingi per ekzameno senpagan instruadon en duagradaj lernejoj aŭ universitato.

*Impostoj.* — La lokaj impostoj estas tre diversaj ; resume, oni pagas ĉirkaŭ 25 % ĝis 80 % de la luprezo de domo. Ekz. jara dometo da 200 Sm. jare kostas 50 ĝis 60 Sm. da impostoj.

*Resuma budĝeto.* — Jen resuma budĝeto de laborista tripersona familio en Angla urbo (industria) dometo 150 Sm., karbo kaj lumo 40 Sm. ; nutraĵoj 250 Sm. ; vestado 120 Sm. ; diversaĵoj 40 Sm., entute 600 Sm. proksimume. La meza salajro de Angla laboristo estas 500-550 Sm. jare. En la tre grandaj urboj, ekz. en Londono, oni devas iom altigi la suprajn ciferojn. Burĝa familio en mezgranda urbo povas vivi en bonaj kondiĉoj per 700 ĝis 800 Sm. jare. La plej bonaj kondiĉoj de vivado estas troveblaj en la Anglaj urbetoj. En Londono kaj en la industriaj lokoj, la higiena stato estas malfavora kaj la kosto de la vivado proporcie pli kara. Komparante la vivadon en Francujo kaj Britujo, oni ricevas tiun impreson, ke je egaleco oni vivas pli komforte en Britujo, sed aliparte la ŝparo kaj la meza riĉeco en Francujo estas pli grandaj ; la nombro de la mizeruloj en la grandaj urboj Britaj, ĉefe en Londono, estas bedaŭrinde tre granda.

***

**Germanujo.** — *Loĝado.* — En grandaj urboj (ekz. Stuttgart, Dresden, k. t. p.) oni pagas po ĉambro jare de 40 ĝis 120 Sm. (meza prezo estas 70-80 Sm.). En la urbetoj aŭ en la antaŭurboj de l'gravaj lokoj, la prezoj estas iom pli malkaraj. En Dresdenaj antaŭurboj, oni havas belajn apartamentojn po 35-50 Sm. po ĉambro kaj jaro. En Berlino, apartamentoj en luksaj kvartaloj kostas de 150 ĝis 220 Sm. jare po ĉambro. En la kamparo, oni kompreneble loĝas pli malkare ; en multaj lokoj de Bavarujo, Prusujo, Saksujo, k. t. p. oni trovas sesĉambrajn dometojn kun ĝardeno po 120-180 Sm. jare, laŭ la situacio de l'loko. La loĝado en la Germanaj urboj estas ĝenerale pri kara ol en Anglujo kaj Francujo.

La gasa lumo kostas de 9 ĝis 12 Sd. laŭ la urboj ; la elektra lumo de 20 ĝis 30 Sd. po kwh, la petrolo de 9 ĝis 12 Sd. po litro.

En la hoteloj, ĉambro kun matenmanĝo kostas de Sm. 0,75 ĝis 3 Sm. (maksimume). En Dresdeno, oni povas ricevi ĉambron po 1-2 Sm. ; en Stuttgart, po Sm. 0,70 ($3^a$ klaso), Sm. 1,50 ($2^a$ klaso), Sm. 2 ($1^a$ klaso).

*Vestaro kaj meblaro.* — Laboristan vestaĵon oni trovas po 8 ĝis 15 Sm. Burĝa vira vestaĵo (laŭ mezuro) kostas proksimume 30-45 Sm· Kamparan kostumon oni povas aĉeti po 5-7 Sm.

Neluksa meblaro por 2 ĉambroj kostas minimume 125 ĝis 150 Sm. Bona kaj plena meblaro por laborista familio po 150-250 Sm. ; pli luksa kostas ĝis 700 Sm.

*Instruado.* — La popolaj lernejoj estas ĝenerale senpagaj. En Saksujo, 1 infano pagas semajne 7,5 Sd. (nur 2 infanoj de ĉiu familio devas pagi ; pliaj estas senpage instruataj, ankaŭ la malriĉaj infanoj). La mezaj lernejoj (ne gimnazioj) kostas 25 Sm. por knaboj kaj 65 Sm. por knabinoj (prezoj en Düsseldorf) ; en Stuttgart 10 ĝis 15 Sm. jare ; la prezoj varias laŭ la urboj, klasoj kaj lernejoj. La gimnazioj (kaj reallernejoj, realgimnazioj) kostas de 25 ĝis 35 Sm. en Stuttgart, en Dresdeno 50 Sm., en Düsseldorf 65 Sm., en Berlin 30-40 Sm. La prezoj de la privataj lernejoj (elementaj aŭ gimnaziaj) estas pli karaj. La lerniloj en la publikaj lernejoj estas pagaj, sed al malriĉaj familioj i i ofte estas senpage pruntataj.

*Impostoj.* — La plej multaj Germanaj regnoj posedas imposton kalkulitan laŭ la enspezoj (rento) de ĉiu individuo ; tiuj impostoj kreskas laŭ progresiva proporcio. En Würtemberg, oni pagas 2,5 Sm. por 500 Sm. da enspezoj, 9 Sm. por 1000 Sm, 24,50 Sm. por 1500 Sm. k. t. p. ; la komunuma imposto estas la duono de la ŝtata imposto ; kapitala imposto, 4 % de la rento ; eklezia imposto 8 % de la ŝtata imposto. Entute oni pagas proksimume $^1/_{100}$ de la enspezoj (por salajro da 1500 Sm.), pli alta proporcio, se la salajro estas pli granda. En Prusujo, oni pagas 14 Sm. por 600 Sm. da enspezoj, 25 Sm. por 750 Sm., 52 Sm. por 1200 Sm., 208 Sm, por 2500 Sm. ; tio montras la progresivecon de la imposto (el tiu ĝenerala imposto, 5/12 estas por la regno kaj 7/12 por la komunumo).

*Resuma budĝeto.* — En la urboj, familio tripersona (laborista) elspezas proksimume en ĉiu jaro : loĝado 120 Sm., nutraĵoj 380 Sm., vestaĵoj 60 Sm., diversaĵoj 90 Sm., entute 650 Sm. (minimumo). Tiu ĉi sumo estas ankaŭ la enspezo de simpla laboristo. Sed, en tuta Germanujo, la laboristaj familioj, kiuj havas nur unu infanon, estas maloftaj. Plej ofte, laboristaj familioj havas 3-7 infanojn. Pro tio, kaj se la enspezoj de la familiestro ne estas sufiĉaj, tre ofte la edzino kaj la pli grandaj infanoj devas kunhelpi por perlabori la necesan sumon. Jen la budĝeto de oficisto, komercisto, k. t. p. kiu gajnas 800-1200 Sm : loĝado 180 Sm., nutraĵoj 450 Sm., vestaĵoj 100 Sm., hejtado 40 Sm., diversaĵoj 100 Sm. En urbo Germana, oni povas tre bone vivadi kun salajro da 1500-1800 Sm., se ne estas tro multaj infanoj. La taga salajro de urba laboristo estas minimume 1,50 Sm. ; meze 2 ĝis 2,50 Sm. En la kamparo, la elspezoj estas kompreneble malpli grandaj, sed la salajroj malkreskas laŭproporcie. Pro tio, ke la laboristaj familioj kalkulas multe pli da anoj, la vivado en Germanujo estas pli malfacila kaj peniga ol en Francujo ; la virinoj kaj la infanoj devas liveri pli grandan laboron, dum ofte en Francujo la virinoj sin okupas nur pri mastrumado, sed la salajroj de la Germanoj estas ĝenerale pli altaj kaj la riskoj de malfeliĉoj malpli grandaj, pro la forta organizeco de la laboristaro· Ankaŭ estas notinde, ke la socia leĝaro por la helpo al la laborista estas pli plena en Germanujo.

(*Daŭrigota.*)

[1] Vidu ESPERANTO N-oj 16 kaj 17.

# ESPERANTO PRAKTIKA

## KORESPONDAĴOJ

*Parizo, Oktobro 1907.*

Sinjoro direktoro,

Vi petas de ĉiuj viaj legantoj la ideojn kaj projektojn, kiujn ili povas elpensi pri « Esperanto praktika » Tial mi permesas al mi sendi kelkajn ideojn pri konsuloj kaj ligo de la aĉetantoj esperantistaj.

Mi opinias ke tiuj ĉi du organizaĵoj estas intime ligitaj kaj ke la ligo estonta devas nepre utiligi la konsulojn kiel reprezentantojn.

Jen kiel mi opinias ke oni povus organizi tian ligon :

1e) Estus kreita *Komitato internacia de la konsuloj* elektita en kiu ajn maniero kaj kiu elektos kaj povos fordanki ĉiujn konsulojn. Tiu-ĉi komitato centrigos ĉiujn necesajn informojn per komitatoj naciaj de si elektitaj.

2e) Estus elektitaj de la komitato internacia *Komitatoj naciaj* kiuj korespondos pri sia nacio kun la internacia komitato kaj proponos al tiu-ĉi la konsulojn elektotajn.

Por elekti konsulojn en ĉiu urbo, la komitato petas sciigojn ĉe la grupo de tiu urbo pri, personoj kiuj povas plenumi tiun oficon. La komitato elektos prefere kaj se eble la konsulon jam ekzistantan en la urbo. Se ekzistas nek konsulo nek grupo, la komitato klopodas ĉe la urbestraro aŭ skribos al urba Esperantisto pri persono elektota por tiu ofico. Sed estas absolute necese ke komitato internacia elektu en kiel eble plej multaj urboj de ĉiu nacio unu aŭ kelkajn konsulojn.

Kaj nun, jen pri la ligoj de la aĉetantoj esperantistaj.

La komitato internacia eldonigas kartojn kiujn ĝi sendas al ĉiu nacia komitato kaj tiu-ĉi disdonos tiujn kartojn al la konsuloj de ĉiu urbo. Tiu-ĉi konsulo vizitos kelkajn komercistojn de sia urbo kaj demandos al ili ĉu ili konsentas fari rabaton da 5 % al ĉiu persono, kiu sin prezentos ĉe ili kun liga karto.

La konsulo eldonigos nomaron de la komercistoj akceptantaj tian proponon kaj donacos al ili ŝildon aŭ afiŝeton (kiel agas Turing-Klubo) kiun ili algluos al sia magazeno. Ĉiu komercisto pagos kiel enskribrajton sur la nomaro prezon de***

Kaj nun, kion devos fari Esperantisto kiu volas uzi la profitojn de la ligo ? Li iras al la konsulo kaj po 5 aŭ 10 frankoj (ekzemple) li ricevas ligan karton jaran, kiun subskribas la konsulo kaj la membro, kaj sur kiu estas rezervita loko por fotografaĵo de l'membroj. Pri malfrue, se tiu Esperantisto bezonos ekzempla vestojn, li iras ĉe komerciston, enskribitan sur la nomaro kaj postulos de li rabaton da 5 %. Ĉiu konsulo pro oportuneco devos senpage doni la nomaron de la enskribitaj komercistoj al ĉiu ano de la ligo).

Mi opinias ke tia ligo tre rapide disvolviĝos, ĉar eĉ malamiko de Esperanto kiu bezonos ekzemple meblaron da tri cent frankoj ne ŝanceliĝos elspezi 5 aŭ 10 frankojn por havigi al si rabaton da 5 % kaj gajni tuj per sia aliĝo 15 frankojn. Plie, tio estus rimedo por organizi *verajn* konsulojn : nuntempe ne estas Esperantistaj konsuloj sed Esperantistoj kiuj sin titolas konsuloj kaj kiuj ne estas veraj konsuloj ; ĉar konsulo nepre devas reprezenti iun aŭ ion kaj nuntempe la konsuloj reprezentas nenion se ne Esperantismon kiu estas nur abstraktaĵo ne realaĵo. Kontraŭe, post la kreo de tiu ligo, ili reprezentas komitaton kiu mem reprezentas kelkajn milojn da aĉetantoj Esperantistoj. Ĉar estas certe ke tuj post kelkaj monatoj, la anoj de la ligo estas kelke da miloj : ĉiu kiu konos la ligon kaj bezonos aĉeti ion por kio li havas rabaton preskaŭ tiel grandan kiel la enskribo prezo, tiu ne ŝanceliĝos eĉ unu minuton, kaj tia persono estas baldaŭ preskaŭ ĉia Esperantisto kaj eĉ preskaŭ ĉiu persono konanta unu Esperantiston.

Nun, kiu devas fondi tiun ligon ? Mi opinias ke neniu estas pli bone montrita por tio ol Esperanto-jurnalo. Via redakcio elektu tuj internacian komitaton kiu siavice elektos naciajn komitatojn kaj la afero estas finita. La elspezoj estas tre malgrandaj : nur korespondaj elspezoj kaj la elspezoj necesaj por eldonigi ligajn kartojn. La profitoj estas tre grandaj ĉar kelkaj miloj da personoj pagantaj 5 aŭ 10 frankojn, alportas sekve kelkajn dekojn da 1000 frankoj.

Volu akcepti, sinjoro Direktoro, k. t. p.

PARIZANO.

## DIVERSAĴOJ

**Novaj kousuloj kaj Esperanto-Oficejoj**

*Dana Esperanto-Oficejo.* — *Kopenhago* (Danujo), liveras ĉiujn informojn pri Danujo kaj Esperanto ; la supra adreso sufiĉas.

*Bad-Godesberg* (Germanujo). — 5 Lessingstrasse. Esperanto-Oficejo.

*Königsberg* (Germanujo). — D-ro Nitz, Burgstr. 6. Esperanto-Oficejo.

*Le Puy* (Hte-Loire, Francujo). — S-ro Meyer, presisto, konsulo.

*Avignon* (Francujo). — S-ro Dailhe, librejo, Pl. de l'Hôtel-de-Ville. Esp-Oficejo, afiŝejo, k. t. p.

*Rio-de-Janeiro* (Brazilujo). — 46, Rua de Assembléa. Esperanto-Oficejo.

*Alger* (Afriko). — Algera Esperanto-Ofico, 4, rue du Marché.

La *Nov-Zelanda registaro* starigis specialan oficejon, kiu celas doni plenajn informojn al turistoj kaj ĉiuj demandantoj pri Nova Zelando. Oni sendos senpage plenajn sciigojn pri la lando, komerco, vidindaĵoj, k. t. p. La oficistoj *devas skribi kaj paroli Esperante.* Ni petegas, ke oni helpu la aferon, skribante por informoj al *Government Tourist office, Christchurch, New-Zeland.*

***

**La kvara kongreso.** — La kongresurbo de la kvara baldaŭ estos fiksata. Jam 180 personoj aliĝis. Oni rapidu sendi sian aliĝon por faciligi la laboron. Por ĉiuj informoj, sin turni : Esperanto-Oficejo de S. E. S., Markstrasse 68, Altona $^a$/ E.

***

**Komerco.** — La jenaj firmoj presigis Esperantajn cirkulerojn kaj korespondas Esperante :

H. Isnardy, 4, boulevard de France, Alger (vinnegocado).

Parekh, Jetpur, Kathiawar, Hindujo (stanaĵoj de suko).

Punta Haus, Bern, Svisujo (universala tutmonda ludo).

L. Cauvet, Lançon, Provence-Francujo (olivoeoj kaj sapoj).

E. Croneau & Cie, Bordeaux, Francujo (vinoj).

Tobler & Cie, Bern, Svisujo (granda fabrikejo de ĉokoladoj, marko « Espero »).

S-ro Frank F. Stone (Les Angeles, Cas. U. S. A. 719 Yalestr) faris grandan *portret-medalionon de D-ro Zamenhof,* kiu havas diametron da 10 1/2 coloj. Kopiaĵo kostas ĉirkaŭ 5 Sm.

Firmo Bredemeier & Co, Chicago, Illo (14, Michigan Str.) eldonis novan *propagandan markon,* zorge desegnitan kaj presitan. La desegnaĵo reprezentas la du terajn duonglotojn kun stelo kaj simbolaj bildoj. 100 markoj kostas 3 Sd. ; 1000, 2 60 Sm ; 5000, 10 30 Sm.

*Artiste ilustritaj poŝtkartoj etnografiaj* estas eldonitaj de S-ro Promberger en Olomone, Moravio. La kartoj estas tre bone presitaj diverskolorelaŭ pentraĵoj de Bohemaj artistoj. 10 kartoj (unu serio), 50 Sd.

*Medalono de D-ro Zamenhof.* — Ni ricevis tre bele elfaritan medalionon kun la engravuraĵo de D-ro Zamenhof, tiun tre belan laboron, aprobitan de D-ro Zamenhof faris prof. Cassioli, unu el la unuaj nuntempaj Italaj artistoj. Ni admonas ĉiujn

Esperantistojn akiri tiun medialonon (arĝentan aŭ bronzan), kiu tiel bone figuras nian majstron. En la kongreso Kembriĝa, ĝi ricevis grandan sukceson kaj estas espereble, ke la Esperantistoj rekompencos la diritan firmon pro ĝia intereso al Esperanto akirante tiun agrablan rememoraĵon. Oni sin turnu al nia administracio por ĉiuj sciigoj.

***

**Esperanto kaj kongresoj.** — En la Anarkiismo kongreso (Amsterdamo, 24-31 Aŭgusto) oni aklame voĉdonis, post amika diskuto, la jenan proponon de Malatesta : « La kongreso deziras, ke ĉiuj anarkiistoj esploru la demandon pri internacia lingvo ». En la kongreso de Libera-Penso (Praha), la demando pri Esperanto ne povis esti diskutata.

***

**Jara festo de l'Esperantismo.** — La komitato por la fiksado de la dato de tutmonda Esperanta festotago estis jena proponita de D-ro Zamenhof : S-roj Capé-Montrosier (Francujo), Codorniu (Hispanujo), S-ino Hankel (Germanujo), Kolonelo Pollen (Britujo), Otto Simon (Aŭstrujo), Tabenski (Rusujo), D-ro Zamenhof (Rusujo). La datoj proponitaj estas : 1e) 17a de decembro (unua festo Esperantista en la jaro 1876) ; 2e la tagon de la printempa (por suda hemisfero, aŭtuna) tagnoktegaleco. Estas dezirinde, ke oni elektu tiun ĉi lastan tagon, ĉar la unua proponita dato estas tro proksima al kristnasko.

***

**Internacia Ligo.** — Fondiĝis en Frankfurto Internacia Ligo, kies celo estas interrilatigi personojn de la tuta globo (kartoj, markoj, informoj, k. t. p.). Enskribiĝis 325 anoj el 20 nacioj. La lernado kaj uzado de Esperanto estas rekomendataj al la anoj, inter kiuj estas diverslandaj Esperantistoj. Nenia kotizaĵo. Skribu al Sjro F. Blecher, 65 Wolfgandstr. Frankfurt a/ M.

***

**Esperanto en Rumanujo.** — Esperanto komencas disvastiĝi en Rumanujo. La Rumanaj Esperantistoj kunvenis kaj fondis societon por la lernado kaj disvastigado de la Zamenhofa lingvo Tri kursoj estis organizataj (1 por la blinduloj, 1 por la kuracistoj, 1 por ĉiaj ajn personoj). Kiel provizora prezidanto, estis elektita S-ro D-ro Robin; kasisto S-ro D-ro Kimel; sekretario S-ro Ciuglea. Lernolibroj kaj la « Fundamento » baldaŭ aperos en Rumana lingvo. Al niaj Rumanaj samideanoj ni deziras plej bonan sukceson en ilia laŭdinda entrepreno.

## ESPERANTISTAJ HOTELOJ

(1a nomaro)

Ni regule enpresos la nomojn de la esperantistaj hoteloj. Ni montras :

1e Per litero H tiujn, ĉe kiuj estas persono, kiu povas paroli Esperanton.

2e Per litero K tiujn, ĉe kiuj estas persono, kiu povas korespondi per Esperanto.

3e Per litero R tiujn, ĉe kiuj esp. revuoj estas legeblaj.

**Algerujo.** — Grand hotel de l'Oasis, boulevard de la République, Alger, P K R.

**Austrujo.** — Hotel Eppauerhof, Eppan, apud Botzen, P K R. — Café F. Joseph, Bahnhof, Wien, R K.

**Belgujo.** — Taverne du Cirque, Place Léopold, Namur, K.

**Bohemujo.** — Reichenberg, hotelo Reichshof, P K.

**Francujo.** — Parizo, 30, rue de Vaugirard, hotelo du Borysthène, P K ; hotel Marigny, 11, rue de l'Arcade (VIIe), K. — Boulogne-sur-Mer (Pas-de-Calais), hotelo Castiglione, P K. — Saint-Amand-les-Eaux, hotelo de Paris et du Mont-Blanc, P K. — Tours (Indre-et-Loire) hotelo de l'Univers, P K ; Hotelo de la Boule-d'Or, P K. — Aix-les-Bains (Savoie), Grand-Hôtel d'Aix, P K ; hotelo de l'Europe, P K ; hotelo de Paris, K ; hotelo Damesin-Continental, K. — Houlgate (Calvados), hotelo Café du chemin de fer, K. — Carentan (Manche), hotelo d'Angleterre, K. — Beaune (Côte-d'Or), hotelo de France, K. — Bellegarde (Ain), grand hôtel des Touristes et des Voyageurs, K. — Bourg (Ain) hotelo de la Paix et Terminus, K R. — Vesoul (Hte-Saône) bufedo de la stacidomo, P. — Troyes (Aube), hotelo Saint-Laurent. — Le Creusot, hotel Rodrigue, P K R — Grenoble, hotel Moderne, R.

**Germanujo.** — Bad-Nauheim, apud Frankfurt-a-M. Pension-hôtel Sanssouci, P K R.

**Granda-Britujo.** — Bradford, Royal-Hotel, K R. — Fokstone, Catalpha Pension, P K R.

**Svisujo.** — Frutigen (Bern), pension Speranza, P K ; Adelboden (Berna Oberlando), pension-hôtel Hagen, K. — Saint-Imier en Sonnenberg, hotelo de la Croix-Bleue, K. — Frutigen, hotel Central, K R. — Frauenfeld, hotel Bahnhof, R. — Genève, Hotel Terminus, R ; Hotel International, R ; Pension Dick, P K R.

Ni insiste petas, ĉiujn konsulojn, Esp. Oficejojn, Informejojn, k. t. p. ke ili bonvolu sciigi al in ĉiujn hotelojn, kiuj povas esti enskribataj en tiu ĉi listo. Ni rememorigas, ke la punktoj 2 kaj 3 povas facile esti atingataj Sufiĉas, ke la esp-oficoj proponu al la hoteloj de sia urbo, ke ili tradukos senpage la leterojn esperante skribitajn, kaj interŝanĝe ni presigos la nomojn de la hoteloj, kiuj akceptas signante ilin per la litero K. Tiu grava rezultato estos facile ricevebla se la konsuloj aŭ esp-oficoj prenas sur sin la taskon viziti la hotelmastrojn de sia urbo kaj sciigi ilin pri tiu servo de la peresp. oficoj.

Rilate al la punkto 3a (revuo esp. legebla), ni faras rabaton da 33 % al ĉiuj hotelistoj, restoraciestroj, k. t. p., kiuj bonvolos aboni nian jurnalon por ĝin konstante elmeti en la legosalonoj. En tiu okazo, vizito estas la plej bona maniero por ricevi rezultaton favoran, kaj la fakto, ke esp. gazeto estas legebla en legosalonoj de la hoteloj aŭ kafejoj estas tre utila por la propagando. Estas senutile montri kiel necesa estas energia agado ĉe la hotelistojn ; dank'al la ĉiujaraj kongresoj de Esperanto, la vojaĝantoj esperantistaj fariĝas ĉiam pli multaj ; estas do dezirinde, ke en ĉiu urbo estu hotelo, en kiu estas persono, kiu povas. se ne paroli, almenaŭ korespondi per Esperanto.

## ANONCETOJ

*Kosto.* 8 spesdekoj (20 centimoj, 2 pencoj, 10 pfenigoj) por ĉiu linio.

Rabato de 25 % por 6 enpresoj.

Niaj abonantoj rajtos enpresigi 3 liniojn unufoje senpage.

Oni sendu al ni la anoncetojn antaŭ la 5 kaj 20 de ĉiu monato, aldonante la monon. Poŝtmarkoj estas akceptataj. Oni skribu plej legeble.

---

**Bobrov.** (gub. Voronej-Rusujo). — S-ro Voldemaro Maksimov, petegas ian *oficon alilandan*. Finis Universitat. jurist., *scias* Esperanto, lingv. franc., grek., latin., nemulte angl., german., kaj fotografarton.

---

**London** (Anglujo). — H. T. Bailey, 31, Caversham Road, Kentish Town, deziras aĉeti : *La Esperantisto*, 1889 ĝis 1895, jarkolektojn aŭ eĉ apartajn numerojn. Ankaŭ *Lingvo Internacia*, jarkolektojn nebinditajn, 1897, 1899. Ankaŭ deziras ricevi po unu ekzemplero de sekvantaj : *Espérantiste Canadien*, *La Stenografiisto*, *L'Esperanto*, (Nurnberg, 1889), *Mondlingvisto*, *Munĥena Esperantisto*. Ĉiu Grupo kiu eldonos novan gazeton estas petata sendi sciigon. *NE* deziras interŝangi poŝtkartojn ilus.

---

**Zürich** (Svisujo). — Esperanta Eldonejo, Karl Jost. Jus aperinta : *Esperantista Kantaro*, 13 Kantoj originalaj aŭ esperantigitaj por 4 voĉoj miksitaj. Ricevebla de la supra eldonejo po 40 Sd.

---

**Davos-Platz** (Svisujo). — F-ino Herzog, lingvoinstruistino, volonte kaj danke akceptus malnovajn Esp. jurnalojn el ĉiuj landoj kiel propagandilojn kaj ĉiam estas preta por doni kiajn ajn informojn pri Davos kiel kuracejo kaj sportloko ; plue invitas ĉiujn gesamideanojn, kiuj vizitos Davos'on partopreni en la internaciaj kunvenoj de la Esperantista societo. Adreso : Zur Heimat apud poŝtoficejo, *Davos-Platz*.

---

**Dijon** (Francujo.) — S-ro J. Blagny. R. Louis Blanc, 8 deziras interŝanĝi poŝtkartojn kun nefrancaj geesperantistoj ; ĉiam tuj respondos.

---

**Assencières** (Aube, Francujo). — S-ro L. Gallois interŝanĝas poŝtkartojn. Nepre respondos.

---

**Plzen** (Bohemujo-Austrio). — S-ro A. Stetina, Faborsha, 491 kaj S-ro Silpoch ul. pod Homolkon 8, deziras korespondadi kun fremlandaj esperantistoj ; ĉiam respondos.

---

**Basel** (Svisujo). — S-ro A. Bader, Frobenstrasse 56, deziras korespondi letere kun ĉiulandaj samideanoj por interŝanĝi poŝtmarkojn. Ĉiam respondos.

---

**Smirice** n/L. (Aŭstrujo). — F-ino Adda Peŝakova, sukerfabriko, deziras interŝanĝi il. kartojn kun ĉiuj gealilandanoj ; ĉiam kaj tuj respondos.

---

**Halle** a/S. (Germanujo). — S-ro S. Schad, instruisto, 3 Sudstrasse, deziras korespondi kun fremdaj gesamideanoj ; ĉiam respondos.

---

**Soreze** (Tarn-Francujo). — S-ro Cau, libristoeldonisto sendas po 60 centimoj (24 Sd) poŝtmarke 12 neeldonitajn poŝtkartojn de Nigramonto.

---

**Carouge** (Genève-Svisujo). — F-ino Germaine Damon-Pichat, 16, Place d'Armes, deziras korespondi letere aŭ poŝtkarte kun ĉiulandaj Esperantistinoj.

---

**Angers** (Francujo). — S-ro Muffang, 19, rue de Fresnes, profesoro en Angers'a liceo, ricevas en sian familion nur unu *lernanton* aŭ *-inon*. Liceaj kursoj aŭ hejmaj lecionoj pri ĉiuj instruaĵoj. Piano, tennis.

---

**Alger** (Francujo). — S-ro Busquet, 8, rue Montaigne, deziras korespondi kun fremdaj gesamideanoj pri historiaj demandoj kaj nacia vivo.

---

**Parizo** (Francujo). — S-ro Lannelongue, 21, rue Jean Bologne, oficisto en maklera firmo por viandoj, ĉe la centra Pariza Vendejo, sin proponas por sciigi ĉiujn *buĉistojn* aŭ *viandvendistojn*, kiuj deziras sendi komercaĵojn al tiu vendeja halo.

---

**Zurich** (Svisujo). — S-ro Karl Maurer, Neptunstr. 10, deziras interŝangi vidaĵojn kun alilandaj gesamideanoj ; ĉiam respondos.

---

**Sabadell** (Hispanujo). — « *Esperanta Semo* » tuj korespondos kun ĉiuj Esperantistaj fremduloj.

---

**Troyes** (Aube-Francujo). — S-ro G. Jùng, 14, rue de la Guérarde, interŝanĝas poŝtkartojn ; nepre respondos.

---

**Blois** (Francujo). — S-ro kaj S-ino Raoul Oury, volonte korespondos kun samideanaj geedzoj, celante interŝanĝon de ideoj, reciprokan simpatian konatiĝon kaj, pli malfrue reciprokan senpagan hejman viziton.

---

**Bethune** (Francujo). — S-ro Duranel, rue du Perroi, 30, deziras korespondi kun gesamideanoj nur fremdaj per poŝtkartoj ilustritaj; li tuj respondos.

---

**Paris** (Francujo). — S-ro E. Egaze, 47, rue Gabrielle, XVIIIe, deziras korespondi kun alilandoj samideanoj ; ĉiam respondos.

---

**Voiron** (Isère-Francujo). — F-ino Jullien multe deziras interŝanĝi vidajkartojn koloritajn.

---

**Aarau** (Svisujo). — F-ino B. Bœlsterli, Bachstrasse 1108, deziras korespondi kun ĉiulandaj gesamideanoj.

---

**St-Polten** (Aŭstrujo). — S-ro Karlo Fuchs, 38 Wienerstrasse, deziras korespondadi kun ĉiulandaj gesamideanoj per memfaritaj fotografaĵoj prezentante personojn kaj belajn pejzaĝojn.

---

**Roskilde** (Danujo). — S-ro W. Raith, St.-Hans Hopital, deziras interŝanĝi vidajkartojn kun alilandaj gesamideanoj ; ĉiam respondos.

---

**Toyá** (Barcelona-Hispanujo). — S-ro Barrera, farmaciisto, deziras korespondi kun samideanoj ŝatantaj ĉiuspecajn Kagenmetitajn birdetojn, speciale neeŭropajn, pri iliaj movoj kaj nutrado.

---

**Clermont-Ferrand** (Francujo). — S-ro Robert Pillaulf, 10, rue Neuve, deziras korespondi poŝtkarte aŭ letere kun alilandaj gesamideanoj; tuj kaj ĉiam respondos.

---

**St-Polten** (Aŭstrujo). — S-ro Lud. Koller korespondas kun eksterlandaj gesamideanoj.

---

**Zürich** (Svisujo). — Samideana Germana junulo, dudekjara, *serĉas por tuj dungaĵon en oficejo, komercejo, k. t. p.* por perfektigi sin pri la Franca lingvo. Nun okupata ĉe advokata oficejo, en Zuriĥo. Rapideco en Germana *stenoĝrafio* kaj *skribmaŝino*, konoj pri librotenado, paroletas la Francan lingvon. Bonaj atestoj kaj malaltaj kondiĉoj. Skribi al Karlo Stehle, Bahnhofstr. 106, Zuriĥo.

---

**London** (Anglujo). — S-ro Geo Bazile, 19, Lupus-Str, Pimlico (S. W.), deziras korespondi kun Amerikaj kaj Aziaj junaj samideaninoj. (Ilustritaj hoŝtkartoj aŭ leteroj).

---

**Praha** (Aŭstrujo). — S-ro P. Havelka, Platnérŝk'a 87, deziras interŝanĝi vidaĵojn kun alilandaj gesamideanoj; ĉiam respondos.

---

### PETEGO ! ! !

La **Esperantista Grupo Hannover** (fondita la IIan de junio 1907) intencas fari en la komenco de la sekvonta jaro *ekspozicion* por vivigi la movadon en tiu ĉi granda urbo kaj por varbi multe da interesontoj pri la kvara kongreso. Pro tio, ĝi petas la grupojn, konsulejojn informejojn, eldonejojn, gazetojn, k. t p. de ĉiuj landoj, ke ili bonvolu sendi al ĝia prezidanto : *P. Tarnow*, stud. tekn. Asternstr. 16. *Hannover* (Germanujo) du aŭ tri ekzemplerojn de ĉiaspecaj propagandiloj Esperantaj (gvidlibroj, gazetoj, katalogoj, reklamoj, k. t. p.). Oni petas *repostuli* la elspezojn! *Multekostajn* aferojn oni *ne* devas sendi.



## Kroniko Esperantista

Post la sukceso de nia tria kongreso kaj tiu grava reviglîĝo, kiun donis la kontakto de la Esperantistoj en Esperantujo, la agado ĉie rekomenciĝis : paroladoj, kursoj, festetoj, kunvenoj, ĉie provoj de esperantistigado. Inter tiuj multegaj detaloj, plej ofte samaj por ĉiuj lokoj, ni povas nur elĉerpi la plej citindajn faktojn. La Svisa Esperanta Societo havis en Berno sian 5an jaran kunvenon kun plej granda sukceso ; en tiu ĉi lando, kiel en Francujo, Belgujo, Britujo, oni organizis ekzamenojn por la personoj, kiuj deziras instrui nian lingvon kaj pro tio bezonas havi ian valoran dokumenton, kiu atestas pri ilia scio de Esperanto. Ankaŭ rimarkindaj estas la monataj festenoj de la Pariza grupo, ĉe kiuj partoprenas ĉiufoje iu eminenta neesperantisto invitita ; jen estas sekvinda ekzemplo, se, kiel oni diras, bona manĝo pli rapide venkas ol longa parolo. En tiu ĉi urbo, vera centro de Esperantujo, estis aranĝitaj pli ol 60 kursoj en ĉiuj kvartaloj. En la gazetaro, estis multe parolate pri la Kongreso ; kelkaj konataj verkistoj komencas konsideri Esperanton kiel danĝeran potencon, nome S-roj Remy de Gourmont kaj L. Daudet, kiuj ekbatalis kontraŭ nia lingvo. Oni devas konfesi, ke la diritaj verkistoj, kiuj en sia patra lingvo estas ŝatindaj aŭtoroj, ne estas tre bone inspiritaj kiam ili kritikas Esperanton. Unuflanke, ili solene deklaras, en la nomo de la « lingvosento kaj de la tradicio » ke lingvo artefarita tute ne povos vivi kaj ke la Esperantistoj batalas por ĥimero, aliflanke, ili ne malpli solene asertas, ke Esperanto estas danĝero por la franca lingvo kaj estas potenco, kontraŭ kiu ĉiuj Francoj konsciaj devas batali ; plie ili pruvas ke jam de longa tempo la Franca lingvo estas la lingvo internacia kaj ke ĝi ĉiam konservos tiun volon ; oni do tute ne devas timi tiujn jargonajn artefaritaĵojn, kiuj estas difinitaj por pli-malpli frua morto ! Se tiuj famuloj parolas multe pri « lingvosento », ili tute forgesas la logikon, kiu en iliaj argumentoj (?) tute mankas. Efektive, kial tiel fervore ataki ion, kiu « nature kaj certege » estas difinita por la tombo ? Ĉu la plej malgranda sento pri kompato ne ordonas, ke oni ne devas uzi tiel « tranĉan » glavon kontraŭ mizera mortanto, agonianto ? Kial aserti, ke lingvo « artefarita » (tiu vorto, kiu cetere estas tute ne ĝusta, blekigas de indigno kelkajn el niaj « famaj » literaturistoj) ne povas vivi, se vi anoncas kiel teruran antaŭsignon, ke 2.000 Esperantistoj kunvenis en Cambridge kaj interparolis kun la plej granda facileco ? Kial, jes kial ? Sed, sinjoroj literaturistoj ne volonte respondas la kialojn. Ili estas, kiel oni scias laŭ iliaj diroj, homoj, kiujn jam tute ne atingas la antaŭjuĝoj ; tial ili akceptas kun burĝa obeemo tiun sanktan, netuŝeblan, ŝtonegan dogmon, nome ke « la lingvo estas la natura ellaboraĵo de la raso, ke sekve, ia artefarita lingvo (ili tute ne komprenas la vorton artefarita) estas ia monstraĵo ne vivebla ». Ne kuraĝu demandi kial. Tio estas dogmo kaj la « literaturisto » tute ne komprenus vian demandon. Oni scias aliparte, ke la nuntempaj « literaturistoj » verkas nur laŭ precizaj dokumentoj (?). Nu, tiuj niaj kritikantoj aŭ tute ne konas, aŭ malbone konas nian lingvon kaj nian movadon ; ili neniam aŭdis Esperanton, neniam lernis ĝin, neniam ĝin praktikis. Nur la vorto « artefarita », « elpensinto de lingvo, k. t. p. altiris ilian atenton kaj kontraŭ tiu vorto, ne konforma al la supre citita teorio, ili batalas kun indigno.

La legantoj bonvolu pardoni tiujn liniojn, kiuj pro ilia longeco ne estas proporciaj kun la malgraveco de la aluditaj atakoj. Ni daŭrigu nian promenadon tra Esperantujo. En Britujo, la tria kongreso, kiel atendite, havis bonegan influon. Tra la tuta lando, naskiĝas novaj grupoj ; en Londono okazas pli ol 30 kursoj. En Germanujo, Esperanto ricevis atentindan sukceson ĉe la Paca kongreso en Munĥeno ; bona signo por la kvara kongreso, al kiu jam aliĝis multaj samideanoj. Ni jam parolis pri la sukcesplena Brazila kongreso, kiu interalie esprimis la opinion, ke ĉiu reformo en la lingvo estas nekonvena dum la propaganda periodo. Proksima kongreso okazos dum 1908 en Sao Paulo ; oni vidas, ke niaj Brazilaj samideanoj montras la plej laŭdindan agemecon. Meksiklando, kie laboras viglaj propagandistoj, nun havas sian organon, *Verda Stelo*. Estas espereble, ke tiu lando baldaŭ reakiros sian iaman lokon inter la Esperantista landaro.

***

Inter la Esperantaj verkoj jus aperintaj, ni citu interesan studon de S-ro Gaston Moch pri la *Elparolado de Esperanto*, kiu respondas diversajn punktojn de la broŝuro de Cefeĉ pri la sama temo, spritan teatraĵon de nia klera Hispana kunlaboranto, S-ro V. Inglada : *La edziĝo malaranĝita aŭ terura malkompreniĝo*, du *monologojn* de S-ro Doré, kaj muzikaĵon de nia Esperantista muzikisto : *La kanto de l'Cigno*, de S-ro F. de Ménil.

A. R.

TRA
LA
# ESPERANTA LITERATURO

## Kelkaj pripensoj

Per kelke da aperontaj artikoletoj, ni celas konigi al niaj legantoj kaj precipe al la novaj Esperantistoj la ĉefajn verkojn de nia ankoraŭ modesta, sed senĉese pligrandiĝanta Esperanta literaturo. Kiel en ĉiuj vivantaj lingvoj, ekzistas gradoj en la pli-malpli rapida akirado de la sento literatura ; multe eraras tiuj personoj, kiuj kredas, ke tuj post kelkaj lecionoj, ili fariĝas kapablaj legi ian ajn verkon Esperante skrikitan. La realeco baldaŭ montras ilian dangeran iluzion ; efektive, ili, ne sciante, ĉu tiu libro estas konforma al ilia grado de instruiteco, elektas ian verkon por tralegi, kaj, kun malagrabla surprizo, ili post la legado de kelkaj frazoj, devas konfesi, ke ili ne tiel bone komprenas kiel ili supozis. Ili fermas la libron, kun la sento, ke Esperanto ne havas tian facilecon, kian oni tiel laŭte kredigis al ili ; ili ricevas fervormortigan disreviĝon. En la realeco, la kono de ia ajn lingvo konsistas ne nur en tio, ke oni lernas difinitajn formojn gramatikajn, certan kvanton da vortoj kaj esprimoj, sed ankaŭ en tio, ke oni konatiĝas kun la intima spirito de ĝia lingvo, ke oni sin kvazaŭ saturas per ĝi. En la komenco de la lernado, ĉio al la studanto ŝajnis egale bonstila, aŭ pli bone la sento pri stilo ankoraŭ ne ekzistis ĉe li. Tiun ĉi malfacile formuleblan, sed tamen realan senton li povos akiri nur per la legado de la literaturaj verkoj. Tial, simila al ĉia vivanta lingvo, Esperanto devas posedi propran literaturon, ĉar sen tio ĝi estus nur senreliefa apenaŭ vivebla mekanikismo. Sed, kompreneble la plena akirado de tiu literaturo ne povas esti afero de kelkaj tagoj ; ĝi estos pli aŭ malpli longa, laŭ la kapabloj de la lernanto, laŭ lia « lingvosento », sed ĉiel ajn ĝi devas esti farota, La studanto, kiu deziras konatiĝi kun la spirito de ia lingvo, devas komenci per la legado de la plej facile kompreneblaj aŭtoroj. Neniu lernanto de la Angla lingvo komencos per la legado de Sheakspear'a verko. En Esperanto oni devas agi same. Certe, tia konatiĝado estos multe malpli longa, sed, malgraŭ tio, ĝi ne estos unutaga afero. Tio ĉi estas tiom pli vera en lingvo, kiu, kiel Esperanto konsistas ĉefe el tradukoj ; tiuj tradukoj, pro la fleksebleco de nia lingvo, devas rebrili kiel eble plej precize la originalan tradukitan verkon, la ĝeneralan spiriton de la lingvo, en kiu ĝi estis skribita, la stilo de de la aŭtoro, kiu verkis ĝin. Konsekvence, oni devas konsideri ne nur la meriton de la tradukinto, sed ankaŭ la tradukitan verkon mem. Efektive, la plej altmerita tradukanto ĉiam restas tradukanto. Li havas limigitan liberecon ; dank'al la ecoj de nia lingvo, li povas rebriligi la karakteron de la tradukita verko pli precize ol en ia nacia idiomo, sed ĝuste pro tio la legado de niaj literaturajoj prezentas malfacilajojn por tiuj, kiuj ne komprenis la spiriton kaj la karakteron de Esperanto. Ni vidos poste, ke pro tio, la verkoj de D-ro Zamenhof estas por multaj personoj, malpli facile kompreneblaj, ol tiuj de aliaj Esperantistoj, eĉ samlingvanaj kun li. Plie, ekzistas en nia lingvo specialajo, kiun la naciaj lingvoj ne konas.

Niaj verkistoj estas diversnaciaj ; ili havas malsamajn pens- kaj esprimmanierojn ; sendube, Esperanto estas sufiĉe fleksebla kaj libera, por ke ĝi povu esprimi ilin kompreneble por ĉiuj, sed tamen restas neeviteblaj, eĉ oni povos diri neevintidaj, diferencetoj, kiuj por sperta Esperantisto estas apenaŭ senteblaj, sed por lernantoj estas noteblaj. Nia literaturo estas ankoraŭ malriĉa kompare kun la riĉegaj naciaj verkaroj ; ĝi estas infanaĝa kompare kun la naturaj idiomoj, prilaboritaj dum jarcentoj per miloj da verkistoj kaj pensistoj : la Esperanta stilo estas en periodo de kreiĝado ; pro tio la nunaj verkoj prezentas apartan gravecon kaj havas grandan influon sur la estontan evoluadon de nia lingvo.

Oni pardonu tiujn tro didaktikajn liniojn, kiujn ni skribis por tiuj el niaj samideanoj, kiuj ne kontentigas sin per supraja lernado de Esperanto. En venonta artikolo, ni priparolos la ĉefajn aŭtorojn de la Esperantista verkistaro, kaj provos eltiri karakterizon pri ili kaj praktikan konkludon por la personoj, kiuj per la plej facila vojo deziras penetri en la ĝardenon, kie brilas la floroj de nia literaturo.

A. R.

# LINGVA FAKO

## Lingvaj Klarigoj

Ni tie ĉi plezure respondos ĉiujn demandojn gramatikajn, vortajn aŭ sintaksajn, kiujn sendos al ni niaj legantoj, kondiĉe, kompreneble, ke tiuj demandoj prezentu ĝeneralan intereson kaj celu punktojn ne tute elementajn.

*Al multaj personoj. Pri la literegoj supersignitaj.* — Multaj personoj demandis nin, kial ni ne presigas la supersignojn sur la grandoj literoj kaj supozis, ke tion ni faras, ĉar ni opinias, ke tiaj literoj ne bezonas supersignojn. Tio estas ne tute ĝusta. Ni ne presigas supersignojn sur la grandaj literoj, nur tial, ke tio estus *tipografie* tre malbela Efektive, se ni presigus ilin (kio estas ebla), ni devus lasi pli grandan spacon inter la linioj, kiuj posedas grandajn supersignitajn literojn, kaj la efekto estus tute ne bela (kiel oni povas juĝi laŭ niaj unuaj numeroj). Tial, ni opinias, ke estas pli bone, por ne rompi la egalecon de la interliniaj spacoj, se ni ne presigos la supersignojn sur la literegoj. Cetere, la okazoj estas relative malmultaj kaj tiun kutimon oni ankaŭ trovas en niaj lingvoj (ekz. en la Franca), sed ni ripetas, ke tio estas ne *lingva*, sed *tipografia* demando. Uzi la *h* post la grandaj literoj, kiel iu proponis, estus senutile komplikigi la tekston, kio estus precipe grava por la lernantoj.

*Al arbaro. Pri la kazo post kiel.* — El la du frazoj montritaj de vi : « ŝi donis sian filinon kiel *edzino* » kaj « ŝi donis sian filinon kiel *edzinon* », ni opinias, ke la dua estos pli logika kaj uzinda. Efektive, la unuan frazon oni povus kompreni tiele : « ŝi, estante edzino, donis sian filinon » ; en tiu okazo, edzino rilatus ne al filinon, sed al ŝi, kiu estas en la sama nominativa kazo. D-ro Zamenhof diras, ke kiam du komplementoj estas ligataj per la vorto *kiel*, tiam oni ordinare akordigas kaze la sekvantan komplementon kun la komplemento antaŭiranta ; alie, la senco estus tute alia kaj la nominativa komplemento sence rilatus ne al la antaŭstaranta komplemento, sed al la subjekto de la frazo. Tamen, kelkaj Esperantistoj uzis ĝis nun la unuan manieron, ĉar ili restarigis la frazon tiele : ŝi donis sian filinon, (por ke ŝi estu) edzino, sed, en tiu okazo, la vorto *kiel* estas superflua. Oni devas uzi la nomination, se oni diras ekzemple : ŝi faris sian filinon edzino », (por ke ŝi estu edzino).

*Al la sama. Pri la prepozicioj* de *kaj* da. — Ni skribis la frazon « kolekto *de* gvidlibroj » anstataŭ « kolekto *da* gvidlibroj », protio, ke ni celis insisti ne pri la kvanto aŭ la mezuro, sed pri la speco kaj naturo de tiu kolekto. Similan diferencon ni trovas en la esprimoj « botelo *de* vino » aŭ « botelo da vino ». En la unua okazo, oni volas montri, kion enhavas la botelo, en la dua oni insistas pri la kvanto Alian ekzemplon montras ankaŭ la esprimoj « amaso da sablo » kaj « amaso de sablo », laŭ tio, ke oni volas speciale insisti pri la kvanto *(da)* aŭ pri la speco *(de)* de la amaso. Kompreneble, en multaj okazoj oni povas egale bone uzi la du prepoziciojn, ĉar la supre cititaj diferencoj estas nur nuancetoj.

*Al la sama. Pri la diferenco inter « plu » kaj « pli ».* — *Plu* esprimas la daŭradon, en temps aŭ en loko ; *pli* esprimas kvanton. Ekz. : iru *plu* (t. e. daŭrigu iri), kantu *plu* (t. e. daŭrigu kanti) ; li posedas domon, *plie* li havas renton... (plie ĉar oni volas paroli pri kvanto). Pri tiuj du vortoj, D-ro Zamenhof diras : « ...en abstraktaj okazoj ni ofte povas uzi unu esprimon anstataŭ la dua, ĉar tiam ilia senco fariĝas preskaŭ sama, sed kiam ni volas paroli rekte pri kvanto aŭ pri daŭrado, tiam ni ne povas intermiksi la ambaŭ vortojn ».

# EKZERCETOJ

## Ĉe la Esperanto-Oficejo[1]

Bonan tagon, sinjoro. Mi estas fremlanda Esperantisto kaj mi deziras halti du aŭ tri tagojn en via urbo por viziti la ĉefajn vidindajojn. Tial mi permesas al mi veni al via Oficejo, kies adreson mi legis en jurnalo Esperanto, por ricevi kelkajn informojn.

Sinjoro, ni estos tre feliĉaj ĉiel ajn helpi al fremda samideano kaj ni deziras al vi plej bonan restadon en nia urbo. Kiel ni povas servi al vi ? Mi dankas pro via afableco. Mi jus alvenas el longa vojaĝo kaj mi dezirus trovi hotelon komfortan, preferinde Esperantistan hotelon, se tio estas ebla. Poste, mi plezure komencos viziti la plej interesajn monumentojn ; min aparte interesas la lernejoj kaj ilia funkciado, ĉar mi estas gimnazia instruisto.

Jen, sinjoro, plena Esperante redaktita gvidlibro pri nia urbo kaj la ĉirkaŭa regiono. Vi trovos en ĝi la nomojn de du hoteloj, ĉe kiuj troviĝas unu persono, kiu parolas Esperante ; po 2 Spesmiloj tage, vi havos komfortan ĉambron kaj bonan manĝon. Plie, en tiu ĉi gvidlibro, vi trovos planon de l'urbo kaj detalan priskribon de la plej interesaj monumentoj kun montroj por ĉion vidi en kiel eble plej malmulte da tempo. Sed, ĉar ni opinias, ke vi preferus ne viziti tute sola la urbon, ni donos al vi la nomojn de kelkaj samideanoj, kiuj estas pretaj akompani la fremdajn Esperantistajn trapasantojn por la vizito de l'urbo. La nomaro de tiuj personoj troviĝas en la gvidlibro, kaj, ĉar vi estas instruisto, ni konsilas al vi viziti S-ron L., kiu estas licea profesoro kaj tre ŝatas paroli Esperante.

Sinjoro, mi estas mirigata de via bonega organizeco kaj vi povas esti certa, ke mi klopodos ĉe miaj Esperantistaj samurbanoj por ke ili organizu tian Oficejon en nia urbo. — Kiu estas Esperanto-konsulo en via urbo?

S-ro R., prezidanto de la Komerca ĉambro estas nia konsulo. Vi trovos lian adreson en la gvidlibro. Li volonte akceptas la Esperantistojn ĉiutage de la dek-unua ĝis la dek-dua horo. Se vi bezonas konatiĝi kun kelkaj personoj aŭ se vi deziras viziti iajn ne publikajn lokojn, li donos al vi la necesajn rekomendajn leterojn. Se vi ne deziras resti longe en nia urbo, vi bonvolu meti vian vizitkarton en lian leterkeston, laŭ la kutimo.

Sinjoro, mi ne scias, kiel mi dankos vin pro via gastemeco. Dank'al vi, la vizito de via urbo estos por mi vera plezuro.

Sinjoro, ni rimarkas, ke vi ne havas verdan stelon ĉe via butontruo, kaj tio estas grava manko, ĉar la tieaj Esperantistoj ne povos eksciŭ, ke vi estas Esperantisto.

Mi volis aĉeti steleton en mia urbo, sed mi ne sciis kie, ĉar la Esperantistoj mendas ilin en fremdlando.

Tie ĉi, ni vendas steletojn kaj ĉiuspecajn Esperantajn komercajojn ; plie ni havas ĉiujn jurnalojn, ŝlosilojn de ĉefeĉ kaj ĉiujn necesajn lernilojn. Ĉiutage, multaj personoj venas al nia Oficejo por aĉeti Esperantajojn.

[1] Tio estas ekzerceto ne nur por Esperantistaj lernantoj, sed ankaŭ por... spertaj Esperantistoj

## Anekdotoj

*La lupo kaj la maljunulino.* — Malsata lupo vagadis, esperante trovi ion por engluti Li alvenas al ia dometo kaj vidas tie maljunulinon kaj plorantan infanon. — « ĉesu ploregi », ŝi diris al la infano « se ne, mi donos cin al la lupo ». La lupo pensis, ke la maljunulino diras la veron kaj la tutan tagon atendis antaŭ la pordo. Vesperiĝis Ree aŭdas la lupo : la maljunulino karesas la infanon kaj diras al li : « se la lupo venos tien ĉi, ni lin mortigos, infaneto. » — En tiu ĉi domo, oni parolas tion kaj faras « alien », ekmurmuris la lupo kaj fortrenis sin hejmen.

Parolo kaj faro ne estas samaj.

*En la teatro*[2]. — Iam, en la teatro, oni ludis tre belan teatrajon, kiu kutime plorigis ĉiujn sidantojn. Sur la unua vico de apogseĝoj sidis virino, kin estis zorge kaj bele vestinta sin. Sur la scenejo, oni vidis la malfeliĉojn de kompatinda kaj honesta junulino, kiun persekutis malbonuloj malamindaj. La virino rigardis atente, kaj eĉ malĝojis pro tiu vidajo, sed ŝi tute ne ploris, kaj nenia larmeto estis en ŝioj okuloj. Tamen ĉiuj ceteraj personoj ploregis, kaj faris pli da bruo ol la aktoroj mem. La apudulo de la virino sin turnis al ŝi, kaj demandis ŝin : « Pro kio vi ne estas malĝojega kiel la aliaj? ĉu via koro estas tiel malmola kiel ŝtono? » La virino ridetis kaj respondis : « Mi tre dezirus plori kiel vi, sed mi hodiaŭ vespere ne povas, ĉar post la teatrajo, mi devas vespermanĝi kun amikoj.

[2] El *Esperanto-Manuel* (G. Chavet et G. Warnier).

FELIETONO DE " ESPERANTO " 3

# LA SABLA HOMO

el E. T. A. HOFFMANN

(trad. A. R.)

Dio mia ! Kiam mia maljuna patro kliniĝis super la fajro, li elŝajnis tute alia. Malbela konvulsia doloro ŝajnis transturni liajn dolĉajn respektindajn trajtojn en malamindan diablobildon. Li estis simila al Coppelius, kiu tiam svingis la ardantan pinĉotenilon kaj tra la densa fumajo alportis helajn metalajojn, kiujn li poste frapadis per martelo. Al mi ŝajnis, kvazaŭ sin agitus ĉirkaŭ mi strangaj aperajoj, kiuj ne havas okulojn, sed terurajn, profunde nigrajn kavajojn. « Donu viajn okulojn, viajn okulojn ! » kriis Coppelius kun surda, minaca voĉo. Premita de timego, mi ekkriis, kaj el mia kaŝejo falis sur la plankon. Tiam min kaptis Coppelius ; « besteto ! besteto ! li blekis kaj min jetis sur la fajrujon, tiel ke la flamoj komencis atingi miajn harojn : « Nun ni havas okulojn, belan paron da infanokuloj ». Tiele murmuris Coppelius, kaj li per la pungoj prenis el la flamoj ardantajn cindrojn, kiujn li volis disŝuti al mi en la okulojn. Tiam mia patro petege levis la manojn kaj diris : « Majstro ! majstro ! lasu la okulojn al mia Nathanael ; lasu lin ! ». Coppelius laŭte ridis kaj diris : « La junulo konservu siajn okulojn kaj uzu ilin por priplori siajn punojn ; sed nun ni ankoraŭ observu la mekanikismon de liaj manoj kaj piedoj ». Kaj li min premis tiel forte, ke la artikoj ekkrakis ĉe la manoj kaj la piedoj. Sed ĉirkaŭ mi ĉio estis malluma, subita spasmo trakuris mian nervaron — mi jam ne sentis. Dolĉa kaj varma spiro glitis super mia vizaĝo, mi vekiĝis kvazaŭ el morta dormo, mia patrino sin klinis al mi. « Ĉu la sabla homo estas ankoraŭ tie ? mi demandis. « Ne, kara mia, li jam de longe, longe, estas for, li jam nenion faros al vi ! » Mia patrino, tiele parolante, min kisadis kaj karesadis la reprenitan amaton.

Kiel mi devas cin lacigi, mia kara Lothar ! Sufiĉas ! — Mia ruzo estis malkovrita kaj mi estis malbone traktita de Coppelius. La teruro min febrigis ; dum multaj semajnoj mi estis malsana. « ĉu la sabla homo estas ankoraŭ tie ? » — Tia estis mia unua vorto kaj la signo de mia resaniĝo, de mia saviĝo. — La plej teruran momenton de mia juneco mi nun devas ankoraŭ rakonti al ci ; kaj ci estos konvinkita, ke, se ĉio nun ŝajnas al mi malgaja, tio ĉi ne venas de la timemo de miaj okuloj, sed ke malluma sekreto etendas super mia vivo densan vualon, kiun mi eble disŝiros nur ĉe mia morto.

Coppelius jam ne montris sin ; mi aŭdis, ke li forlasis la urbon. Unu jaro jam pasis ; ian vesperon, ni, laŭ la malnova enradikigita kutimo, sidadis ĉirkaŭ la ronda tablo. La patro estis tre ĝoja kaj rakontis mulgajn gajajojn pri la vojaĝoj, kiujn li faris dum sia juneco. Tiam ni aŭdis, kvazaŭ io frapus ; subite ekgrincis la dompordo kaj longa, peza paŝado minace iris laŭ la ŝtuparo. « Tio ĉi estas Coppelius », diris mia patrino paliĝante. « Jes ! ĝi estas Coppelius », respondis la patro per laca, rompita voĉo. Larmoj ekmontris sin en la okuloj de mia patrino. « Sed patro, patro ! ĉu povas tiel esti ? ». — « Lastafoje ! respondis li, lastafoje, li venas al mi, mi tion promesas al vi. Foriru kun la infanoj ! — Iru, iru al la lito ! Bonan nokton ! ». Al mi estis kvazaŭ mi estus transturnita en malvarman ŝtonon ; mia spiro ekhaltis ! — La patrino prenis min ĉe la brako : « Venu Nathanael, venu ! — Mi lasis min forkonduki, mi eniris en mian ĉambreton. « Estu trankvila, enlitiĝu ! dormu, dormu ! » diris mia patrino, sed turmentita de interna timo kaj maltrankvilo, mi ne povis fermi la okulojn. Antaŭ mi staradis la malamata terura vizaĝo de Coppelius kun brilegantaj okuloj kaj malica rido ; vane mi provis forpeli lian bildon. Estis ĉirkaŭ noktomeze, kiam terura skuo okazis, same kiam batas pafilego. La tuta domo tremegis, krakis, la dompordo estis brue fermita. « Tio ĉi estas Coppelius ! » mi diris teruritgita kaj saltis el la lito. Mi aŭdis plendan, senesperan ĝemon, mi kuris al la ĉambro de mia patro ; la pordo estis malfermita, sufokanta odoro venis al mi, la servistino ekkriis : « Ha, mia mastro ! mia mastro ! ». — Antaŭ la fumanta fajro, sur la planko kuŝis mia patro jam mortinta, kun nigra, bruligita, malbelega vizaĝo, kaj ĉirkaŭ li kriegis kaj ploregis miaj fratinoj — la patrino staris flanke, senforta ! — « Coppelius, malbeninda satano, vi mortigis mian patron ! », mi ekkriis kaj svenis. Kiam post du tagoj oni enĉerkigis mian patron, liaj trajtoj estis denove dolĉaj kaj kvietaj, kiel ili estis dum la vivo. Tio ĉi estis konsolo por mia animo : lia kunligo kun la diabla Coppelius ne povis tiri al li eternan malbenon. La eksplodo vekis la najbarojn, la afero estis konata kaj la registaro eksciis pri la respondeco de Coppelius pri tio. Sed li jam estis forlasinta la lokon kaj neniu sciis, kien li iris.

Kiam mi diras al ci, kara amiko, ke tiu ĉi vendisto de barometroj estas tiu sama Coppelius, ci ne riproĉos nun, ke mi konsideras tiun malamindan aperajon kiel malfavoran signon. Li estis alie vestita, sed la vizaĝo kaj la trajtoj de Coppelius estas tro profunde stampitaj en mia animo, por ke la eraro estas ebla. Cetere, Coppelius jam ŝanĝis sian nomon pli ol unu fojon. Laŭ tio, kion mi aŭdis, li diras ke li estas Piemonta mekanikisto nomata Jozefo Coppola. Mi estas decidita lin akcepti kaj revenĝi al li la morton de mia patro ; tio ĉi nun iru kiel mi volas.

La patrino nenion sciu pri la apero de l'kruela monstro. Salutu mian karan dolĉan Klara, mi skribos al ŝi en pli trankvila spiritstato.

### Klara al Nathanael

Estas vere, ke ci jam de longe ne skribis al mi, sed mi tamen kredas ke ci ĉiam pensas al mi, ĉar ci jam rememoris pri mi, ĉar la leteron, kiun ĉi volis sendi al frate Lothar, ci adresis al mi mem. Mi kun ĝojo ricevis la leteron kaj ekkonis la eraron ĉe la unuaj vortoj : Ha, mia kara Lothar, ! — Certe, mi tiam devus ne plu legi, sed doni la leteron al mia frato, sed mi konfesas, ke la komenco de cia letero min profunde tuŝis. Mi apenaŭ povis spiri, miaj okuloj tremis. Ha, mia amata Natael ! Kia terurajo do eniris en cian vivon ! Plu neniam cin revidi, la penso pri tio trakuris mian bruston kiel ardanta fajro. Mi legis kaj legis ! Cia priskribo de l'malaminda Coppelius estas terura. Nur tiam, mi eksciis kiel perfide estis mortigita cia bona maljuna patro. Frato Lothar, al kiu mi redonis la leteron, provis min kvietigi sed ne bone sukcesis. La fatala vendisto de barometroj Jozefo Coppola min persekutis ĉe ciu paŝo kaj mi preskaŭ hontas konfesi ke li mem konfuzis mian kutime trankvilan dormadon per ĉiaj strangaj fantomoj. Sed, jam la sekvantan tagon, ĉio en mi estis ŝanĝita.

*(Daŭrigota).*